# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

AÑO VII N.° 8-9 (80-81) AGOSTO - SEPTIEMBRE, 195




La preĝejo de la Sankta Koro antaŭ la kongresejo.



La kongresanoj antaŭ la kapelo de la Labora Universitato.

# EL XVI CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO




Cuando, pocos días antes del efectuado Congreso, predecíamos en las páginas de nuestro «Boletín», que su éxito era una cosa cierta, éramos sinceros, pues sabíamos que en su gestión habían intervenido factores decisivos: entusiasmo, tesón y apoyo oficial, todo ello fraguado en el atrayente y simpático país astur, cuna de nobleza e hidalguía.

Ahora, terminado el congreso, y con el apoyo de la coincidente opinión de cuantos tuvieron la dicha de tomar parte en él, podemos asegurar que los más halagüeños pronósticos quedaron bien cortos al pretender calibrar el éxito de nuestra décimo sexta reunión nacional, a la que tan sólo faltó, en cierto grado, la asistencia de mayor número de congresistas, tal vez por la considerable distancia entre Gijón y las regiones de mayor densidad esperantista de España. Cuantos pudieron tomar parte en nuestro último congreso pudieron confirmarse en su fé en la vivacidad de nuestro movimiento, en la satisfactoria capacidad idiomática de nuestra masa congresal, y en el espíritu federativo de todos, sea cual fuere su punto de origen o procedencia. Y, cuantos conocieron por vez primera al país astur, quedaron tan prendados de las cualidades morales y afectivas de los asturianos, como del encanto incomparable de sus imponentes montañas, rientes valles y bellísimas costas.

Los que ya conocían tales atractivos quedaron, sin embargo, al confirmarse en tal opinión, extasiados ante el empuje progresivo de la vitalidad, urbanización, industrialización y modernización de ese privilegiado rincón de España.

Pero, las dos notas sobresalientes del Congreso fueron estas, por orden cronológico: El entusiasmo y capacidad de la comisión organizadora, y la franca y decidida actitud de las dignísimas Autoridades asturianas. Los dos magníficos discursos de los ilustrísimos alcaldes de Gijón y Oviedo, y el magistral con el que clausuró el Congreso el Excelentísimo Sr. Gobernador de Asturias, forman todo un tratado de comprensión y valoración de nuestra doctrina lingüística, que nosotros, los esperantistas españoles, sabemos y podemos apreciar, y que nunca olvidaremos. Esperantistas por convicción idiomática y por espíritu cristiano, y españoles por ley de herencia y nobleza de corazón, no podemos menos que decir a cuantos nos ayudaron en nuestra empresa, con sinceridad profunda: ¡Gracias!

*Dr. Rafael Herrero.*

---

Pri nia pasinta Kongreso en Gijón, ankoraŭ restas stoko da interesaj propagandaj esperantaĵoj: Trikolora glumarko laŭ desegno surkape de ĉi tiu paĝo, je 2 pesetoj folio de 10 glumarkoj. Bedaŭrinde ĉi tiuj glumarkoj alvenis al la Organiza Komitato post la fino de la Kongreso. Ankaŭ ni havas tre belajn tolajn flagetojn 11 x 16 cm. laŭ apuda desegno, je 5 pesetoj. Belaj rememoraĵoj de nia Kongreso! Petu ilin al:

S-ro Alfredo Villa y Villa

(Sekretario de la 16-a Hispana Kongreso de Esperanto)

Ruiz Gómez, 13, 1.° GIJÓN



# KIO ESTIS NIA KONGRESO

Permesu al mi unue iom priskribi miajn impresojn pri tiu regiono, nesto de nia ĉijara kongreso. La alveno al la limo de Asturio, venante de la sudo estas mirinda spektaklo por tiuj, kiuj unuafoje vojaĝas al tiu lando. Post la longa kaj larĝa ebenaĵo de Kastilio, kie alternas la ruĝo de la tero kun la flavo de la tritikkampoj jam dum rikolto, oni eniras la iom malsaman provincon de León, kie ankaŭ vidiĝas tritiko, sed alterne kun herbejoj kaj altaj arboj. Aperas montoj kaj riveretoj, la pejzaĝo ŝanĝiĝas pli kaj pli kaj preskaŭ senrimarke oni eniras Asturion. Baldaŭ la montoj fariĝas montegoj kaj la valoj kvazaŭ abismoj. Kuregas riveretoj, kiuj foje montras nigrajn akvojn, pruvo pri ilia paso preter karbminoj. La pejzaĝo akiras supermezuran belecon kiam oni pasas tra la montpasejo Pajares. La vagonaro iras supren kaj malsupren, turniĝas laŭ gigantaj kurboj, penetras en la ventron de la montegoj tra longegaj tuneloj, subite reaperas kaj oni ekestas ravitaj pro sublima pejzaĝo, neniam ĝis nun rigardata. Proksime de Gijón, fumo kaj fajro pruvas la ekziston de fandfornoj. Ni estas en la regno de la fero kaj la karbo. Tre malfrue en la nokto, mi alvenis al nia kongresa urbo, lace sed kun okuloj ravitaj pro tiel belega spektaklo.

Sekvintan tagon, la unuan kongrestagon, mi pasigis la matenon konante la urbon kun ĝia bela kaj longa strando, kie miloj da personoj sin banas kaj sportludas. Mi rigardis la belan parkon «Isabel la Católica» kaj la surmontan kvartalon Somio, plena de somerrestadejoj kaj vilaoj indaj esti loĝataj de reĝoj. Super la urbo ŝvebas nigra fumo, kiu nigrigas la domfasadojn, kaj malseka aero, kiu grizigas la ŝtonojn de preĝejoj kaj aliaj ŝtonkonstruaĵoj. Stranga, ja, por mi sudano, ĉi tiu simpatia urbo, stranga, jes, sed mirinda. Kaj mirinda antaŭ ĉio pro la kora akcepto, pro la gastamo de ĝiaj enloĝantoj, malavare montrita al la kongresanoj.

Posttagmeze, renkontiĝis la samideanaro ĉe la Liceo Jovellanos, kie unue okazis io tre agrabla, kio ne estis en la programo, la renkontiĝo de malnovaj amikoj, kies kunesto interrompiĝis dum unu jaro. Intersalutoj kaj brakpremoj gajigas la atmosferon; estas prezentoj de nekonatoj, inter ili kelkaj afablaj eksterlandanoj el Portugalujo, Francujo, Germanujo kaj Svedujo. Oni disdonis al la kongresanoj la kongresan dokumentaron kun bela insigno, kiun ĉiu alkroĉis al sia brusto. Kelkaj estraranoj de la Federacio, la ĝis tiu momento ĉeestantaj, forlasis la tiel agrablan kunvenon por okazigi la kunsidon de la HEF-estraro, laŭ indiko en la programo. Kvankam mi ne estas estrarano, oni permesis al mi partopreni kiel observanto; la diskutoj temis nur pri lastaj kongresaj detaloj; ankaŭ ĉeestis membroj de la kongresa organiza komitato.

Tuj poste oni inaŭguris la esperantan Ekspozicion, kiu funkciis en la gimnastikejo de la sama Liceo Jovellanos; ĝi temis precipe pri poŝtkartoj, poŝtmarkoj kaj glumarkoj, ĉio en rilato kun Esperanto, kaj estis aranĝita kun ŝato. En la Ekspozicio la kongresanaro babilis ĝis vespermanĝa horo, kaj je la 10'30 vespere okazis en la Kazino La Unión la Interkona Vespero. Oni vidis tie novajn kongresanojn, ĵus alvenintajn lasthore en aŭtobusoj kaj vagonaroj. La babilado fariĝis kiel zumado, en kiu distingiĝis tre klare, ke ni estas jam en plena Esperantujo, kaj daŭris ĝis la lastaj horoj de la nokto.

La sekvintan tagon, ***dimanĉon la 24-an de Julio,*** antaŭ la 10-a matene, la samideanaro komencis kolektiĝi antaŭ la fasado kaj en la portiko de la preĝejo de Sankta Petro. La esperantistoj plenigis la navon kaj komenciĝis la meso, oficata de Pastro Felikso de Valois Arana, dum Pastro Casanovas diris iun tian predikon, kian ni kutimas aŭskulti de li, belan kaj trafan. Li parolis pri la granda valoro, kiun Esperanto havos ĉe la religiaj internaciaj rilatoj, tiom ke la Franciskana Ordeno jam konsideris ĝin tre utila ilo, kiun ĝi aprobas, kaj ĝian lernadon rekomendas al ĉiuj monaĥejoj de tiu grava ordeno. Tial ke, en la preĝejo troviĝis ankaŭ neesperantistoj,

Pastro Casanovas faris poste resumon de sia prediko, en hispana lingvo.

La preĝejo situas en la komenco de tiu longa apudstranda promenejo, kiun la kongresanoj laŭiris admirante la belan panoramon, voje al la granda kaj arta Teatro Jovellanos, por partopreni la solenan kongresan malfermon. La parteron kaj unuan etaĝon okupis la kongresanaro, ili estis pli multnombraj ol mi supozis en la unuaj momentoj, ĉar la teatro aspektis plena. Sur la scenejo sidis la Urbestra Moŝto, S-ro J. García Bernardo de la Sala, kiu en ĉi tiu parto de la programo reprezentis la Provincestran Moŝton, S-ron Francisco Labadíe Otermín; la urba Mararmea Komandanto, S-ro González Posada; la urba Milit-komandanto, Kolonelo Carrasco Calderón; Urba Estro de la Falango, S-ro Cabezudo García; Dekano de la Konsularo, S-ro Bernedo; Vicrektoro de la Universitato de Oviedo, S-ro Piré; Subkolonelo de la Civila Gvardio, S-ro Palacios; Prezidanto de la Hispana Esperanto-Federacio, D-ro Herrero; Prof. S-ro Manuel Fernández Menéndez, Prezidinto kaj nun Honora Prezidanto de la Urugvaja Esperanto-Societo; Pastroj S-roj Casanovas kaj de Valois Arana kaj Sekretario de la Organiza Kongresa Komitato S-ro Alfredo Villa y Villa. La alia Organiza Sekretario S-ro Alberto Menéndez kaj ceteraj membroj de la komitato sidis duavice sur la scenejo. La orkestro ludis la himnojn Nacian, La Esperon kaj La Vojon dum la tuta teatro staris kun respekto aŭskultante ilin, kaj la kongreso komenciĝis. Parolis unuavice S-ro Alfredo Villa y Villa, kiu dankis la kunlaboron de la aŭtoritatoj kaj la partoprenon de la kongresanoj. Poste paroladis Prof. M. Fernández Menéndez pri sia reprezentanteco de la Urugvaja Esperanto-Societo kaj de la Urugvaja Registaro ĉe la Kongreso en Bolonjo. Sekvis Pastro de Valois Arana kun kortuŝa paroladeto, kaj la Prezidanto de nia Federacio, D-ro Herrero, regalis la aŭskultantaron per adekvata oracio, kiu vekis ĉies aprobon. Fine, la Urbestro S-ro Bernardo de la Sala, nome de la Provincestro, aŭdigis plaĉan diskurson, per kiu li pruvis koni tre bone, kio estas Esperanto, kiu estis D-ro Zamenhof kaj la celojn de la esperantistaro. Liaj belaj vortoj estis substrekataj per unuanima ovacio. La Malfermo finiĝis kun rea ludo de la himnoj.

La kongresanoj foriris en direkto al la Urbodomo, kiu situas en Placo Mayor, tipa kvadrata placo kun nobelaj ŝtonkonstruaĵoj. La akceptan salonon plenigis la kongresanaro, kaj la Urbestro denove parolis al ni por dediĉi al ni koran bonvenan saluton, al kiu respondis tre trafe S-ano Fernando Fernández Méndez. Ni estis regalataj per kukoj kaj vino, kio pliigis la temperaturon de nia varma kunsento.

Posttagmeze, je la 4-a fariĝis la vizito al la Labora Universitato, proksimume je du kilometroj de la urbo, grandega ŝtonkonstruaĵo, kiu rememorigas San Lorenzo de El Escorial, tiel granda ĝi estas. Preskaŭ la tuta masonlaboro jam estas finita, sed ankoraŭ ne, tio kio koncernas al pentrado, fenestr-kristaloj, elektra instalaĵo, meblaro k. a. Espereble antaŭ unu jaro, ĝi jam estos finkonstruita kaj tiam ĝi estos vere inda esti vizitata. Tiu Universitato estas destinata al la instruo de laboristoj kaj filoj de laboristoj, kaj ĝi posedos ĉion necesan por la teknika lerno de la lernejanaro. Vere ĝi estos io granda kaj bezonata, pri kies utilo ĉiuj konsentos. Eksterordinare belega estas la teatro de tiu Universitato. Je la pordo de la impona kapelo fariĝis la oficiala fotografado. Revene al la urbo, la esperantistoj kunvenis en la Gijona Parko, kie okazis la anoncita balo.

Sekvintan tagon, ***lundon la 25-an,*** en Liceo Jovellanos, je la 10-a komenciĝis la ekzamenoj pri esperantista kapablo kaj esperantista instruisteco, kio daŭris ĝis la 12·30. En tiu momento ni havis la Unuan Laborkunsidon, kiu fakte estis la unua vere esperantista kunsido, pro tio ke ĝi okazis sen la ĉeesto de la aŭtoritatoj —kiuj bedaŭrinde ne scipovas Esperanton— kaj tial ĝi disvolviĝis nur en la internacia lingvo. Oni elektis Prezidanto de la Kongreso Pastron F. de Valois Arana kaj Sekretario S-ron Alcibiades González Meana. Kiel helpanto de la Sekretario agis S-ro Darío Rodríguez López de Silva. Venis la vico al la legado de salutaj leteroj kaj telegramoj kaj al la salutoj de ĉeestantaj reprezentantoj de diversaj landoj kaj

de multaj hispanaj urboj, jene: S-ro Nilsson, por Svedujo, kiu transdonis specialan saluton de la Prezidanto de Sveda Esperanto-Federacio, S-ro Stronne; F-ino Marc, por Francujo; F-ino Gunter, por Germanujo; S-ro Nunes, por Portugalujo, kaj F-ino Brown, por Anglujo. Kaj inter la hispanaj samideanoj salutis: S-ro Enfedaque, por Madrido; S-ro Calvet, por Tarragona; S-ro Gumá, por Reus; S-ro Candela, por Valencio; S-ro Molera, por Moyá; S-ro Blasco, por Sabadell; S-ro García, por Tarrasa; S-ro Mora, por Manresa; S-ro de la Torre, por Baena (Córdoba); S-ro Otaola, por Bilbao; S-ro García, por la blinduloj el Bilbao; S-ro Ortiz, por Zaragoza; S-ro Berghanel, por Barcelono; S-ro Arizmendi, por Eibar; S-ro Villa, por Gijón; S-ro Blasco, por la blinduloj de Gijón; S-ro Gómez Collado, por Santander; S-ro Gil Contreras, por Santillana de Campos, kaj S-ro Adonis González Meana, por Ciaño Santa Ana. Oni decidis sendi saluttelegramon al Lia Ekscelenco la Ŝtatestro. S-ro Otaola informis pri la bedaŭrinda morto pro akcidento, de nia samideano el Bilbao S-ro Francisco Javier Nagore, gvidinto de la esperanto-elsendoj en Radio Bilbao, kaj en memoro al tiu kara samideano, la tuta kongresanaro stare faris unuminutan silenton dum Pastro Casanovas flustris preĝon.

D-ro Mariano Solá, Vicprezidanto de Hispana Esperanto-Federacio, proponis omaĝon al Prof. M. Fernández Menéndez, el Urugvajo, pro lia partopreno en la sukcesigaj laboroj favoraj al Esperanto ĉe la lasta konferenco de Unesko en Montevideo, kaj tiu propono estis aprobata. Bedaŭrinde, S-ro Fernández Menéndez jam ne ĉeestas, pro sia frua foriro vojaĝe al Bolonjo por partopreni la Universalan Kongreson.

S-ro Darío Rodríguez, laŭ la tagordo, legis la raporton de la Estraro de Hispana Esperanto-Federacio, kiun niaj legantoj jam konas, tial ke ĝi estis publikigata en la junia numero de BOLETIN. Post tiu legado, pro la malfrua horo oni finis la unuan laborkunsidon.

Je la 4-a posttagmeze, la Literatura Festo komenciĝis. D-ro Solá, kiu prezidis tiun feston, konigis la nomojn de la premiitaj verkistoj, jene:

S-ro Francisco Vilá, Premio pro lia originala poeziaĵo MEDALO.

S-ro Adolfo Aŭgusto Nunes, Subpremio pro lia originala poeziaĵo IDEALO.

S-ro Adolfo Aŭgusto Nunes, Premio pro lia originala prozaĵo KANTO DE L' PERFIDO.

F-ino Pepita Criach, Subpremio pro ŝia originala prozaĵo BENATA ESTU ESPERANTO.

S-ro Luzo Bemaldo, Premio pro lia traduko TRAVIVAĴOJ DE CID, poemo de Rubén Darío.

S-ro Luigi Minnaja, Subpremio pro lia traduko AL NAJTINGALO, soneto de José de Espronceda.

S-ro Antonio Marco, Premio pro lia traduko LA MILITESTRO DE LA RUĜAJ MANOJ, proza fragmento de Gustavo Adolfo Becquer.

S-ro Adolfo Tremouille, Subpremio pro lia traduko LA MANDARENO, peco de la romano de Eca de Queiroz.

S-ro Poul Thorsen, Honora mencio pro lia originala poeziaĵo MADRIGALO.

S-ro Luzo Bemaldo, Honora mencio pro lia originala poeziaĵo TIA, KIA.

Aŭdinte la nomon de la premiitaj aŭtoroj, la publiko ankaŭ premiis ilin per tondra aplaŭdo. Poste, laŭ peto de la Prezidanto D-ro Solá, jenaj samideanoj legis el la premiitaj verkoj: S-ro Ventura, la poeziaĵon «Medalo»; S-ro Nunes, sian soneton «Idealo»; S-ro Alcibíades González, la poeziaĵon «Tia. kia»; S-ro Nunes, sian prozaĵon «Kanto de l' perfido»; Pastro Arana, la poemon «Travivaĵoj de Cid»; S-ino Hervás, la soneton «Al najtingalo» kaj S-ro Rodríguez, la prozaĵon «La militestro de la ruĝaj manoj». Ekster la konkurso, S-ro Armando Aguiar kaj blinda samideano S-ro Manuel Blasco Chico legis siajn proprajn verkaĵojn. Ĉiuj legitaĵoj vekis la entuziasmon de la aŭskultantaro. Bedaŭrinde pro manko de tempo, oni ne povis legi la ceterajn premiitajn verkojn. Sekve D-ro Mariano Solá parolis kiel li kutimas, elokvente, trafe, bele kaj konvinke. Aŭskultante liajn oratorajn paroladojn, niaj oreloj estas ravitaj pro tiaj sublimaj regaloj. Iu diris poste al mi, dum komento pri lia interveno, ke D-ro Solá estas la Demosteno de la hispana esperanto-movado. Neniam pli trafe oni

povus ion kvalifiki. Vere li estas nia Demosteno, kaj mi kaj ĉiuj ceteraj samideanoj kun kiuj mi poste parolis konsentas pri tio: ni estas fieraj, ke ni posedas tiun oratoran giganton, kiu sin nomas Mariano Solá. Kaj li neniam parolas pri bagateloj, sed pri vere sukoplenaj pensoj. Lia parolado enhavis belegajn argumentojn kaj parabolojn de prediko kaj ankaŭ dokumentitajn studojn de profesora disertacio. Kiam li finis, la emocio kiu invadis min kaj lasis min absorbita, nur rompiĝis kiam la kvazaŭ mitralpafa aplaŭdado bruis en la salono, premiante la paroladon de D-ro Solá. Per tio finiĝis nia Kongresa Literatura Festo. Ke la venontan jaron ĝi ne manku en la kongresprogramo!

Iom post la 7-a ni havis la Duan Laborkunsidon. Unue oni diskutis kelkajn punktojn de la raporto de la Estraro. D-ro Herrero insistis pri tio, ke la kluboj klopodu varbi membrojn por la Federacio, kaj li ripetis peton jam faritan kelkajn jarojn: ke la monataj klubaj kotizoj estu tiaj, ke ili inkluzivu parton por la Federacio kaj tiel ĉiuj klubaj membroj fariĝos membro-abonantoj de nia landa asocio. Kelkaj kluboj, kiel Madrido kaj Ciaño Santa Ana, jam faras tion kun kontentigaj rezultatoj. Kial la ceteraj ne agas same? Tio alportus al la Federacio konsiderindajn rimedojn, kiuj permesus nin dediĉi al plej altaj entreprenoj.

S-ro Gumá raportis pri la laboro farita de li, de S-ro Mimó kaj de S-ro Calvet pri la oficiala vortaro de la Federacio. Oni multon jam faris, sed restas ankoraŭ multe pli por ke la verko estu preta. Oni devas konsideri, ke multaj vortoj, kiuj ne estas en aliaj vortaroj, devas esti tre konscie ĉerpataj el la esperanta literaturo, kaj tio devigas legi multajn verkojn. D-ro Solá petis ke la Kongreso danku speciale S-ron Mimó, kiu ne ĉeestas, pro liaj klopodoj en tiu laboro. D-ro Herrero, parolante pri la sama temo, mencias la verkon de D-ro Tudela, nun reviziata, kiu utilos por plenigi la nunan vakuon ĝis la aperigo de la oficiala vortaro. Li konfirmis la baldaŭan eldonon de la vortaro Tudela, kiel privata afero de li kaj kelkaj amikoj. La kongresanaro dediĉas aplaŭdon al D-ro Tudela, kiu ankaŭ ne ĉeestas. Finiĝis la diskuto pri la raporto kaj oni iris al la sekvinta punkto: proponoj pri venontjara kongresa urbo. Prezentiĝis nur unu propono de S-ro Gómez Ibars kaj aliaj kamaradoj, kun peto, ke la venonta kongreso 1956 okazu en Barcelono. La kongresanaro konsentis, kaj D-ro Herrero nur petis al la proponintoj, ke ili bonvolu kontakti kun la plej gravaj personoj de la barcelona esperantistaro, kiuj ne ĉeestas, kaj informi pri la eblecoj aranĝi tiun kongreson en Barcelono, pri kiu cetere la tuta hispana esperantistaro treege ĝojos.

Post tio, oni venis al la demandoj kaj proponoj, laŭ la tagordo. S-ro Gumá petis ke oni kolektu ĉiuspecan propagandmaterialon, kiu estu ĉiam preta por esti uzata kie ajn oni deziros aranĝi Esperanto-ekspoziciojn. S-ro Otaola proponis, ke oni skribu al la radiostacioj, kiuj elsendas en aŭ pri Esperanto, esprimante al ili gratulojn. Se iu ajn aŭskultas esperantan elsendon kaj poste ne informas pri tio la koncerna stacion, ĉi tiu tute ne scias ĉu tiuj elsendoj estas aŭskultataj kaj ĉi tio estas plej grava por ke tiuj esperantaj elsendoj daŭru. Ankaŭ li proponis ke oni petu al la Poŝta Direkcio pri eldono de esperantaj poŝtmarkoj kaj presitaj esperantaj poŝtkartoj. S-ro Molera esprimis sian konsenton pri tiu propono. S-ro Gómez Ibars aldonis, ke oni petu ankaŭ al la koncerna aŭtoritato la eldonon de turismaj prospektoj en Esperanto. S-ro Rodríguez proponas, ke oni petu al la hispana komisiono ĉe Unesko, ke ĝi akceptu en tiun komisionon reprezentanton de la Federacio. S-ro Roca Rodó esprimis sian deziron pri tio ke la ekzamenoj pri esperantaj kapablo kaj instruisteco en niaj kongresoj estu pli ampleksaj kaj krom la ekzercoj skribaj, estu ankaŭ parolaj ekzercoj. S-ro Figuerola petis pli belajn membrokartojn de la Federacio, ĉar la nunaj estas tre malbelaj kaj mizeraspektaj. S-ro Gómez Ibars proponis la kreon de premioj por la pli lertaj esperantistoj laŭ fonetiko. S-ro Otaola diris ke la anoncita adresaro de la hispanaj esperantistoj estas tre urĝa kaj demandis kial oni ne jam eldonis ĝin. S-ro Figuerola pledis por ke krom en la Kongresoj, ankaŭ okazu ekzamenoj en aliaj urboj. S-ro Gómez insistis pri la ekzamenoj kaj parolis

pri la konveneco gravuri magnetofonan bendon por la plej bona kompreno de la esperanta fonetiko. S-ro Bayo akcentis la neceson, ke ĉiu esperantisto estu membro de nia Federacio. D-ro Herrero parolis pri la bezono pri hispana literatura komitato, kiu kontrolu ĉiajn eldonotajn presaĵojn.

Pri ĉiuj petoj kaj proponoj menciitaj, D-ro Herrero, kiel Prezidanto de nia Federacio, diris ke ĉio estas notita por plenumo laŭ eblo.

Fine, la kongreso aprobis jenan rezolucion:

1-e. La 16-a Hispana Kongreso de Esperanto sin turnas al la hispana Komisiono ĉe Unesko, kun propono pri kunlaboro de la Hispana Esperanto-Federacio por ĉio en rilato kun la lasta decido de la 8-a Ĝenerala Konferenco de Unesko en Montevideo, pri Esperanto, kaj petas al tiu Komisiono, ke ĝi akceptu reprezentanton de nia Federacio kiel membron de la menciita Komisiono.

2-e. La 16-a Hispana Kongreso de Esperanto sin turnas al la Ministro pri Nacia Edukado, kun peto pri permeso libere instrui Esperanton en ĉiuj lernejoj, kiu havas kapablan instruistaron por la lernigo de tiu lingvo.

3-e. La 16-a Hispana Kongreso de Esperanto sin turnas al la Direkcio pri Poŝto kaj Telegrafo, kun propono pri eldono de esperantaj poŝtmarkoj.

Kaj finiĝis kun tio la kongresaj laborkunsidoj.

*Mardon, la 26-an,* matene ni iris pervagonare al Oviedo, ĉefurbo de la regiono, kaj la unua vizito estis al la Urbodomo. En la precipa salono akceptis nin la Provincestro, la Urbestro, la Rektoro de la Universitato kaj aliaj aŭtoritatoj. Enkondukajn vortojn diris D-ro Herrero kaj responde paroladis la Urbestro, S-ro Ignacio Alonso de Nora, kiu dediĉis al ni la plej koran bonvenan saluton sianome kaj en la nomo de la tuta urbo. Ni denove estis regalataj per kukaĵoj, vino kaj *sidro* (tipa trinkaĵo kvazaŭ ĉampano, farita el pomsuko) kaj poste kelkaj afablaj oviedanoj akompanis nin en vizitoj al la Katedralo kaj al la Arkeologa Muzeo. Sed diluvo falis sur la urbon kaj malpermesis al ni pluajn vizitojn. Sub la portiko de la Katedralo la kongresanoj atendis la alvenon de kelkaj aŭtobusoj, en kiuj ni iris supren al la monto «Los monumentos», en kiu ekzistas komforta restoracio. Tie ni havis la oficialan bankedon, tute senpagan por la kongresanoj, ĉar la Organiza Kongresa Komitato tion decidis, dank' al la grava subvencio ricevita de la Provincestro, kio permesis ke estu ankaŭ senpaga la veturo Gijón al Oviedo kaj reveno, la veturo al la restoracio kaj la tagmanĝo en Covadonga, dum la oficiala ekskurso. Tian ekstreman ĝentilecon de la Kongresa Komitato, ni neniam povos sufiĉe danki, kaj ĝi montras per faktoj la gastamon de niaj asturaj samideanoj.

Post la luksa manĝo en «Los Monumentos», tie mem la sekcio «Dancoj» de la oficiala sindikata organizo «Educación y Descanso» prezentis al ni tipajn asturajn dancojn, kaj la verŝistoj de *sidro* montris sian lerton, plenigante multajn glasojn honore al la kongresanoj. Ankaŭ oni proponis al ni la bonegan dolĉan vinon *sangría.* Ĉiuj estis kontentegaj de la ĉarma invito kaj poste multaj kongresanoj promenis pli supren en la montoj ĝis la loko kie ankoraŭ staras la preĝejo Sankta María kaj alia malnova konstruaĵo, ambaŭ el la 11-a jarcento. Vidinte ambaŭ antikvajn monumentojn, la kongresanoj malsupreniris al la urbo kaj koncentriĝis en la Universitato por okazigi la Solenan Fermon de la Kongreso. La *Paraninfon* de la Universitato plenigis la samideanaro; sur la podio sidis la Provincestro, la Urbestroj de Oviedo kaj Gijón, la Rektoro kaj Vicrektoro, kaj la ceteraj aŭtoritatoj, kiuj ĉiam tiom da apogo donis al la Kongreso, krom la estraranoj de la Hispana Esperanto-Federacio. D-ro Herrero raportis pri la laboroj de nia Kongreso kaj petis al S-ro Darío Rodríguez legi la rezolucion de nia nacia kunveno, kiel pruvo de tio, ke nia movado estas kultura kaj praktika, tial ke ĝi celas al la tutmonda interkompremo. La Provincestra Moŝto S-ro Labadíe fermis la Kongreson per belega parolado, en kiu estis vortoj dediĉitaj al la materia progreso de Asturio, sen forgeso de la spiritaj zorgoj, kiuj devas marŝi paralele kun la aliaj. Ambaŭ aferoj estas en la penso kaj en la deziroj de la



al la paĝo 205

*LA LAGUNA DE TENERIFE.* Okazis 17/6 la lasta leciono de la kurso gvidata de S-ano J. Régulo Pérez kaj partoprenata de kvardeko da lernantoj; la plimulto jam komencis korespondi, aboni gazetojn kaj legi literaturon. La lastan lecionon ĉeestis 50 personoj kaj ĝi estis kvazaŭ omaĝofesto al la instruisto, kun manĝo kaj trinko. Unue, juna lernanto legis tre belajn esperantajn vortojn pri la signifo de nia movado kaj poste, sub la notoj de La Espero registritaj per sonbendo, li mem transdonis al la instruisto artan pergamenon kun la subskriboj de la lernantoj. S-ro Régulo emocie dankis kaj skizis la signifon de la kunveno, aŭgurante brilan estonton por nia afero en la Kanaria Insularo. Fine li recitis fragmenton de La Vojo, el kiuj laste vibris la vortoj:

Kaj nin ne timigas la noktaj fantomoj,
nek batoj de l' sorto, nek mokoj de l' homoj,
ĉar klara kaj rekta kaj tre difinita
ĝi estas, la voj' elektita.



**La lernantaro kun sia instruisto. S-ro Régulo estas tiu malhele vestita staranta antaŭ la du maldekstraj sinjoroj de la lasta vico.**

*TARRASA.* Laŭ presita programo, kiun siatempe ni ricevis, oni aranĝis por la 18/6, (kaj ni supozas okazinta, kvankam ni ricevis nenian raporton): 1) Tradician vespermanĝon de kursofino. 2) Disdonon de atestiloj pri studoj al la lernintoj. 3) Prelegon de la eminenta franca esperantisto S-ro Rene Llech Walter, prezidanto de la Federacio Languedoc-Roussillon (Francujo). La prelego, ilustrita per lumbildoj, temis pri: Impresoj pri Nederlando kaj Belgujo, la miraklo de la interkompreno per Esperanto, la Internacia Kulturdomo Gressillon kaj impresoj pri la katalunaj ĉirkaŭaĵoj de Rosellón, Vallespir, Cerdaña, Vich, Tarrasa, Montserrat kaj Barcelona.

*TORROELLA DE MONTPI (Gerona).* D-ro José Reñé Permanyer, redaktoro de la sekcio de Esperanto kaj Filatelo *¿Es Vd. coleccionista?* de la radiostacio La Voz de la Costa Brava (ĉiumarde je la 12,45 h., laŭ ondo de 300 m.) informas kaj komentas en tiuj elsendoj ĉiajn verkojn, revuojn, lernolibrojn kaj aliajn librojn en rilato kun Esperanto aŭ Filatelo. Ĉiajn sendojn adresu al: D-ro José Reñé Permanyer, Médico, calle Fútbol, Torroella de Montpí (Gerona).

*LAS PALMAS DE GRAN CANARIA.* Ĵus oni fondis en tiu urbo de la Kanaria Insularo la klubon *Kanaria Esperanto-Grupo,* sub la aŭspicio de la Hispana Universitata Sindikato (S. E. U.). La estro de tiu sindikato S-ro Germán Luzardo tre afable sin proponis al la nova grupo por subteni ĝin kaj esti al ĝi kiel eble plej utila. La estraro de la fondita grupo konsistas el jenaj samideanoj: Prezidanto, S-ro Germán Luzardo; Vicprezidanto, S-ro Oscar Yáñez Miranda; Sekretario, S-ro Domingo J. Castellano Gutiérrez; Kasisto, S-ro Jesús García Vigil; Veĉdonantoj, S-ro Juan J. Falcón kaj F-ino María Perdomo Melián. Baldaŭ tiu grupo aranĝos kursojn, alvokos la malnovajn esperantistojn, publikigos artikolojn en la gazetaro, aranĝos ekspoziciojn en montrofenestroj de butikoj kaj faros ĉion necesan por la disvastigo de nia lingvo en Las Palmas.

*VENDRELL (Barcelona).* La ĉi tiea filatela revuo *Filatelo* eldonis eksterordinaran numeron, dediĉitan al la 5-a Filatela, Numismatika kaj Glumarka Ekspozicio, okazinta

al la paĝo 205

# NOVAJ LIBROJ

*Recenzistoj esprimas ĉi tie siajn proprajn juĝojn pri verkoj.*
*La Redakcio kaj la Estraro de H E F estas tute sendependaj de iliaj opinioj.*

**SVEDA POEMARO, tradukita de Magda Carlsson; kun enkonduko de Profesoro F. Szilágyi, Akademiano. Eldonis Eldona Societo Esperanto, Stockholm.**

Ankoraŭ poezia libro kaj ankoraŭ el Skandinava deveno. Mi ĵus recenzis pri la bonega verko de Poul Thorsen, kiam «Sveda Poemaro» alvenas al mia skribotablo. Ni, Esperantistoj kaj poeziamantoj certe povas, imitante konatan diron, ripeti: El nordo venas al ni nova lumo.....

La aŭtorino ne estas nekonata por literaturemaj esperantistoj. Mi tuj rekonis kelkajn tradukojn aperintajn en *Literatura Mondo,* nia ŝatata kaj bedaŭrata Revuo.

La libro, bele bindita kaj korekte presita, enhavas 74 poeziaĵojn de 30 diversaj aŭtoroj nuntempaj (la plej malnova mortis en 1939) kaj multaj ankoraŭ vivantaj. «Magda Carlsson», diras la enkondukanto, «estas pia animo, kiun logas la altaj sferoj de la kredo». Do, multaj de la tradukaĵoj estas religiaj pecoj; sed religiaj ne certe signifas bigotaj —Vidu belegan «Kanto pri la Tero», paĝ. 55, aŭ «Lilio en Paradizo», paĝ. 65— ankaŭ estas filozofiaj, amaj, lirikaj, maristaj, eĉ ŝercaj verkoj, multnuanca bukedo da aromaj floretoj.

Kompreneble, mi ne povas paroli pri la fidela tradukado. Pri tio mi plenfidas al la vortoj de la enkondukanto; sed mi ja povas aserti ke malmultaj esperantistaj poetoj tiel sonore manipulas nian lingvon. Ŝi emas alterni *virajn* kaj *inajn* rimojn, kio donas muzikecon al la strofoj, kaj majeste akcentas la versojn, precipe la dekunusilabajn. Pri tio la germanaj lingvoj sendube faciligas la verkistojn. Certe oni povas fari belajn versojn per nur la silabnombro aŭ per nur la akcentoj; sed se ambaŭ elementoj kuniĝas la rezulto necese estas majstraĵo.

Ankaŭ per la vortformado, la aŭtorino trafas belajn esprimojn; mi citu nur: APUDU, ĈELIPE, ORNUANCE, DOMAS, HUMILKARE, TRANKVILAS..... Malmultaj neologismoj pruvas la poezikapablon kaj de M. Carlsson kaj... de la Fundamento.

Mi bedaŭras, ke mi ne povas popece recenzi tiun multfacetan ĝemaron de la Sveda literaturo —nia Bulteno estas tiel malgranda— sed mi estas certa ke se Vi, kara leganto, ĝin akiras, Vi ĝuos plenajn horojn da spirita plezuro.

*A. Núñez Dubús.*

**JARLIBRO de Universala Esperanto-Asocio, 1955, Unua parto. Eldonis la citita Asocio. Adreso: Heronsgate, Rickmansworth, Herts., Anglujo. Liverebla nur al membroj de UEA.**

Prezentita kiel kutime, komenciĝas per Antaŭparolo de la Prezidanto de la Asocio S-ro Ernfrid Malmgren, sekvata de la teksto de la Rezolucio akceptita de la konferenco de Unesko en Montevideo. Krom la adresoj de la Centra Oficejo, komitatanoj, estraranoj, Serva Centro, Centro de Esploro kaj Dokumentado, Esperantistaj Landaj Asocioj aliĝintaj al UEA kaj nealiĝintaj (kun iliaj adresoj kaj tiuj de iliaj organoj, prezidantoj, sekretarioj kaj kasistoj), listoj de la honoraj prezidantoj kaj honoraj membroj, dumvivaj membroj, dumviva patronaro kaj patronaro 1954, membro-subtenantoj 1954, mortintoj 1954, UEA-kotizoj, kontoj de la Kongreso de Zagreb 1953, regularo de la Internacia Somera Universitato, regularo pri la Belartaj Konkursoj de UEA, esperantistaj aranĝoj 1955, kunlaborantaj Fakaj Asocioj, Akademio de Esperanto, listo de la libroj aperintaj post la pretigo de la pasinta jarlibro, esperantistaj radio-programoj 1954, esperanta gazetaro kaj aliaj interesaj informoj, ĝi enhavas la liston de la delegitoj kaj fakdelegitoj en multaj urboj el 62 landoj, klasigitaj laŭ landoj kaj urboj laŭ alfabeta ordo, libroservon de UEA kaj adresojn de la esperantoeldonejoj. Ankaŭ ĉi tiu libro prezentas multege da reklamoj, kies nombro kreskas de jaro al jaro. Tre interesa kaj valora libro por praktika esperantisto.

*J. B.*

# LAŬTPAROLILO DE LA ESPERANTISTARO

Opinioj, sugestoj kaj kritikoj de la legantoj

## REE PRI LA NEOLOGISMOJ

En la aprila Bulteno de via Federacio mi legis artikolon, en kiu iu tiel fervore apogas la enkondukon de neologismoj, ke li demandas pli-malpli jene: Kial ni ne povas havi, flanke de «vortaro», la plene internacian vorton «Diktionario»? Permesu al mi atentigi pri la jenaj faktoj:

1) «Diktionario» ne estas internacia vorto: ĝi estas eble eŭropa vorto, ĉar ĝi devenas de latina radiko, kiu troviĝas en kvin aŭ ses eŭropaj lingvoj. Eble via korespondinto ne scias ke la Azianoj jam protestis kontraŭ la tendenco komuna al tro da Esperantistoj, forgesi ke la lingvo devas taŭgi ankaŭ por la orientaj popoloj, kaj ke ju pli ĝi similas la eŭropajn lingvojn, des malpli internacia ĝi estas. En Novembro 1933 la 21-a Japana Esperanta Kongreso en Kioto akceptis rezolucion protestantan «pri la reformemo kaj troa neologismemo de «modernaj» Esperantistoj, kiuj konstante malfaciligas nian Internacian Lingvon. Tro ofte oni ne atentas nin orientanojn ĉe la enkonduko de «internaciaj» vortoj, kiuj ne estas komprenataj en la Oriento... La Japana Esperantistaro konstatas, ke se la opinio pri Esperanto kiel «la eŭropa lingvo» estus alprenata de la plimulto de niaj eŭropaj samideanoj, la disvastiĝo de nia lingvo en la Oriento estus grave endanĝerigata.»

2) Oni devas scii la historion de la internacilingva problemo por kompreni kie staras Esperanto en ĝi. La radikaro de lingvo internacia povas esti bazita sur la principo aŭ de la internacieco aŭ de la logiko. La internacieco celas la tujan kompreneblecon; la logiko la facilan lernadon. Kiel supre dirite, nur kleraj Eŭropanoj povas tuj kompreni latinajn radikojn; kaj eĉ la logiko ne taŭgas kiel principo en tia afero, kiel lingvo, kie la homa menso neniam tute obeas al logikaj reguloj. Do ĉu ne estas evidente, ke la ĝusta sistemo devas esti kunfandiĝo de ambaŭ principoj? Kaj ĝuste tia estas nia Esperanto. Unuflanke ni havas internaciajn vortojn kiel «esperi, bela»; aliflanke ni havas logikajn vortojn kiel «vortaro, sablero, ies».

3) Pri ĉi-tiuj tiel-nomataj volapukismoj (t. e. la arbitre elpensitaj formoj) ĉiuj bone pensantaj Esperantistoj devus esti fieraj. Ili enmetas en la lingvon ion unikan, kio post 66 jaroj akiris propran guston kaj sentigon. Dank' al ili Esperanto ne nur estas vere neŭtrala, sed ankaŭ havas sian sendependan koloron kaj esprimkapablon. Ni ne oferdonu kvalitojn tiel utilajn!

4) El ĉiuj neologismoj la senafiksaj sinonimoj estas la plej danĝeraj. Ni aŭskultu denove niajn japanajn amikojn: «La vortfarado per afiksoj kaj kunmetado estas unu el la esencaj karakterizoj de Esperanto; ĝi estas grava plifaciligo de la lernado... Ni energie malrekomendas... la uzon de neologismoj sen nuanca diferenco. Vivu la interkontinenta lingvo Esperanto!» Kiam Zamenhof skribis pri «la sendanĝera vojo de la neologismoj», li certe ne volis permesi ke la esenca karaktero de la lingvo aliformiĝu.

Eble mi troigas la danĝeron, ĉar kiam mi rigardas miajn esperantlibrajn bretojn, la nura kvanto kaj amaso da 66-jara verkado en la lingvo fortigas min, sugestante, ke nun Esperanto estas tro fortike enradikigita por ke ĝi bezonu timi la vortkapricojn de unuopuloj. La sana prudento de la plimulto, same kiel ĝi savis la lingvon antaŭ 48 jaroj, venkos denove. Nia sulko estas jam fosita. Ni estu fidelaj kaj disciplinitaj!

*D. B. Gregor, Anglujo.*

## PRI VORTOJ EN ESPERANTO

En la rubriko «Laŭtparolilo de la Esperantistaro» daŭre aperas polemiko pri tiu temo, kiu diskuto, cetere, ne estas nova. Leginte la asertojn de la aŭstra pioniro, D-ro A. Halbedl, tre estimata samideano, jen mi provos lin kontesti.

Certe mi koincidas kun lia plendo, ke

S-ro Broadribb ne tro respekte menciis decidon de Zamenhof pri la vorto *vortaro*. Verdire tiu akra kritiko ankaŭ vundis min profunde. S-ro Broadribb forgesis ke lingvo fakte ne estas matematiko kaj li povis lasi la riproĉon en la inkujo. Finfine la vorto *vortaro* jam iĝis konvencia radiko, esperantismo, kiel la nelogika *mirinda*. Mi aprobas, tamen, la tezon de S-ro Broadribb, ke lingvo internacia, kia Esperanto, nepre devas esti simpla instrumento de interkompreno. Ĉu por tio taŭgas ekzemple la peza esprimformo ***homlevilo*** anstataŭ la simpla senpera *lifto*?

S-ro Halbedl konsilas tralegi la verkojn de Zamenhof, Grabowski kaj aliaj tradiciaj esperantistaj stilistoj. Jes, prava konsilo. Jen ĉi sekve mi kopias por ekzemplo kelkajn Zamenhofajn nefundamentajn vortojn, kiujn ne naskis nepra neceso, per kiuj la Majstro volis nur eviti kunmetaĵojn kaj derivaĵojn: ***abismo*** anstataŭ ***profundegaĵo***, ***ferio*** anstataŭ ***libertempo***, ***giganto*** anstataŭ ***grandegulo***, ***kalva*** anstataŭ ***senhara***, ***festono*** anstataŭ ***florplektaĵo***, ***karambolo*** anstataŭ ***kunpuŝiĝo***, ***angoro*** anstataŭ ***korpremiteco***, ***aŭroro*** anstataŭ ***tagiĝo***, ***sino*** anstataŭ ***trunkantaŭo***. Poste, ĉe Zamenhof kaj Grabowski oni vidas certan tendencon al la iompostioma malpliigo de la mal-vortoj. Ĉe Zamenhof, ***stulta*** anstataŭ ***malsprita***, ***aflikti*** anstataŭ ***malĝojigi***, ***milda*** anstataŭ ***malsovaĝa***; ĉe Grabowski, ***humida*** anstataŭ ***malseka***, ***aperti*** anstataŭ ***malfermi***, ***disipi*** anstataŭ ***malŝpari***, ***noci*** anstataŭ ***malutili***, ***fora*** anstataŭ ***malproksima***, ***neglekti*** anstataŭ ***malzorgi*** montras ekzemple tiun tendencon.

Kiel asertas akademiano Kolomano Kalocsay, oni do ne devas miri, ke tiuj tendencoj daŭras plu en la lingvo, kaj aperas ***stumbli*** anstataŭ ***falpuŝiĝi***, ***langvoro*** anstataŭ ***animmalstreĉiĝo***, ***nupto*** anstataŭ ***geedziĝo***, ***svelta*** anstataŭ ***gracitalia***, ***rara*** anstataŭ ***malofta***, ***aŭdaca*** anstataŭ ***riskemega***, ***trista*** anstataŭ ***malĝoja***, ***frida*** anstataŭ ***malvarma***, ***tarda*** anstataŭ ***malfrua*** kaj aliaj neologismoj troveblaj en la literaturo kaj publikaĵoj de nia movado, novaj vortoj pacience kompilitaj de akademiano Waringhien en la Suplemento de la Plena Vortaro.

Kaj fine, sed ne sensignife, jen aŭtoritata rezono al la konservativaj samideanoj, kiujn timigas la aperado de neologismoj. Zamenhof diris pri ili: «La novaj formoj espereble baldaŭ elpuŝos la malnovajn, kiuj fariĝos arkaismoj; sed la uzado de la novaj formoj devas esti ne deviga, sed nur laŭvola, kaj la uzado de la malnovaj formoj ***neniam devas esti malpermesata***. (Ofte eĉ estos tre utile uzi ambaŭ formojn, ekzemple se ni volas doni al la esprimo specialan koloron, nuancon aŭ akcenton). En ĉiuj lernolibroj kaj vortaroj la novaj formoj devas esti presataj, ne anstataŭ la malnovaj sed ***paralele kun ili***, nur kun la rimarko ke ili nun estas uzataj malofte».

*V. Hernández Llusera.*

*Rim. de la Red.* Ni opinias, ke ĉi tiu afero jam estas sufiĉe diskutata en la paĝoj de nia gazeto, tial ke ni publikigis ĉiujn ĝis nun ricevitajn artikolojn; ni do deziras publikigi nenion plian pri ĉi tiu temo. Ambaŭ tendencoj estis jam, per tiuj artikoloj, sufiĉe defendataj de siaj subtenantoj, kaj nenion novan oni nun povas aldoni. Konklude ni diru, ke oni ne devas blinde akcepti aperantan novan vorton kaj ankaŭ ne ĵeti anatemojn kontraŭ ĝi. Neniu havas la rajton de sankcio pri aperanta nova vorto, eĉ ne la Akademio; lingvoj ne kreskas aŭ riĉiĝas per dekretoj; estas ni ĉiuj, la uzantoj de la lingvo, kiuj rajtas uzi la novan vorton se ĝi plaĉas aŭ montriĝas taŭga. Multaj novaj vortoj aperis, kiuj poste malaperis, ĉar la esperantistoj ne akceptis ilin; aliaj restis kaj estas daŭre uzataj. Ĉi tio estas natura fenomeno, pri kiu oni ne devas plendi. Ĉiuj lingvoj evoluis ĝis la nunaj formoj dum la daŭro de jarcentoj, kaj nia lingvo ne povos eskapi de tiu leĝo.

## LINGVO, PACO kaj FRATECO

Iom post iom, ni ĉiuj pli profunde konsciiĝas pri nia afero; pli klare kaj pli perspektive ĝi aperas al nia kompreno.

Kiam ni antaŭvidas definitivan venkon, ni antaŭsentas malaperon aŭ velkon de esperantista kunfrateco: se ni ĉiuj povos ĉien iri sen lingva malhelpo, se Esperanto

funkcios ĝenerale kiel interlingvo en la civilizita mondo, ne plu estos idealo atingi nian lingvan celon, ĝi estos atingita, kiel faktas nun, ke ni povas interrilatiĝi kun britoj, usonanoj k. a., se ni parolas angle. Se ordinara estos uzado de Esperanto kiel dua lingvo, eĉ samŝtatanoj malsamlingvaj, kiel flandroj kaj valonoj, konsideros ĝin sia dua lingvo.

Kaj multaj ŝtatoj enhavas malsamlingvajn popolojn en la Malnova Mondo, kaj eĉ en la Nova Kanado estas ekzemplo. Tiam la komuna dua lingvo ne estos pli amikiga ol la ceteraj komunaj internaciaj —rusa, hispana, angla, franca, germana, araba, k. a. Kaj ni scias ke lingva komuneco ne evitis militojn. Foje, pace kunvivis malsamlingvaj popoloj dum barbare intermilitis samlingvaj. Komuna idealo pli efike unuigas ol komuna lingvo. Eĉ komuna intereso. Esperantista kunfrateco rezultas precipe el komuna idealo.

En ŝtatoj plurlingvaj, ni vidas pacon, kiam estas justeco interlingva; kaj malpacon, kiam regas trudo de unu lingvo kontraŭ aliaj. Ĉia maljusteco originas malpacon, ĉefe kiam homoj konsciiĝas pri la vero. Kaj ne estas bona argumento, ke homoj estu senkonsciaj.

Pli ol la lingvo mem, la justeco interlingva celata de esperantismo pri komuna dua lingvo samrajta kaj samrajtiga, unuigas, kunfratigas nin tutmonde. Interlingva justeco en Svislando kaj Kanado unuigas enlandanojn, dum en aliaj ŝtatoj interlingva maljusteco malamikigas enlandanojn. Tial Zamenhof pli profunde inspiriĝis ol nur pri lingvo. Li celis justecon, plej ampleksan justecon, ol simplan komunecon lingvan, ol utilon de helpa lingvo. Li sentis pli grandan, pli profundan idealon: kunfratecon per justeco. Kaj kontraŭ la du grandaj baroj: superrego aŭ privilegio de unuj lingvoj super aliaj, kaj malfacila kompreneblo pro lingva malsameco, li klopodis por havigi neŭtralan komunan komprenigilon al popoloj.

Pli fratece kunvivis, antaŭ la unua mondmilito, svisoj kun *tri* oficialaj lingvoj, ol belgoj kun *unu* oficiala lingvo. Kaj en ĉiuj nacioj aŭ ŝtatoj plurlingvaj, kie oni volis kunfratigi la samlandanojn, oni devis rekoni ĉiujn lingvojn. Se en lando ne ekzistas interlingva justeco, tie ne ekzistas spontanea aŭ profunda pacemo, ĉar maljusteco estas pli granda baro kontraŭ paco ol malsama lingvo. Eĉ samfamilianoj interbatalas, kiam iuj volas trudi privilegion kontraŭ aliaj.

Ĉefa celo de Zamenhof estis samrajtigo inter ĉiuj homoj kaj popoloj por pacigo tuthomara. Tial lin obsedis homaranismo.

Redaktoro de «Boletín» bone konstatis, ke kiam ne regas interlingva justeco, io pli grava okazas ol malkapablo por interkompreniĝo: ***oni ne volas kompreni.***

Nur idealo pri justeco interhoma daŭriĝos, eĉ post nia lingva triumfo, nian samideanan kunfratecon.

***D. Dalmau.***

el la paĝo 201

en Vendrell en pasinta Julio. Ĝi estas tre bele prezentita kaj enhavas interesajn artikolojn por la kolektantoj, inter ili unu de nia agema samideano S-ro Evaristo Gil, pri Esperantaj Glumarkoj, en kiu artikolo li raportas pri la laboro pri tiu aspekto, de nia ankaŭ aktiva samideano S-ro E. Moreno Medrano, kiu eldonis i. a. la glumarkojn de la Universala Kongreso 1954 en Haarlem, Nederlando. Specimeno de tiu glumarko estas algluita en ĉiu ekzemplero de la revuo.

*ALICANTE.* La gazeto ***Información*** aperigis interesajn artikolojn pri Esperanto kaj inter ili ankaŭ intervjuon kun nia samideano, nacia instruisto, S-ro Pedro López Escudero, kiu responde al demandoj de la ĵurnalisto diris tre dokumentitajn vortojn pri la valoro, utilo kaj disvastigo de nia lingvo, farante tre bonan servon al nia movado en ĉi tiu bela urbo. La ĵurnalisto, parolante pri nia 16-a Kongreso, ĵus okazinta en Gijón, demandas: «Kiam povos okazi nacia Esperanto-Kongreso en Alicante?». Ni vere tre ĝojus, se tio efektiviĝus, kaj pri tio ni atendas la proponon de la alicantaj samideanoj por baldaŭa estonto.

el la paĝo 200

Asturiaj reprezentantoj de la Registaro. Estas bone, li diris, ke la homoj kuniĝas en asocioj, plej bona vojo por la interkono, kaj se tiuj asocioj havas idealisman celon kiel tiu de la esperantistoj, tio estas nemezureble plej bona kaj utila. La parolanto kuraĝigis nin daŭri sur la sama vojo kaj deklaris la Kongreson fermata. Forta kaj longa aplaŭdo substrekis la paroladon de la Provincestro. Post la fermo de la Kongreso, en la klostro de la Universitato, la «Ĥoroj» de «Educación y Descanso» regalis la kongresanojn per belaj Asturiaj kantoj, kiuj treege plaĉis al la aŭskultantaro. Bedaŭrinde la samideanaro devis interrompi tiun belan prezentadon, ĉar fariĝis la tempo iri al la stacidomo revene al Gijón. Tre kontentaj ni adiaŭis la ĉarman urbon Oviedo.

***Merkredon, la 27-an,*** matene la samideanaro plenigis la aŭtobusojn kiuj atendadis nin apud la Kongresejo. Ĉiuj kune foriris kaj antaŭ la eliro el la urbo ni haltis ĉe butiko, kie oni liveris al ĉiu ekskursano la tagmanĝon en sandviĉoj kaj fruktoj en portebla papersako. Ni tuj rapidis laŭ pitoreska vojo ĝis Infiesto, kie ni haltis por matenmanĝi kaj trinki, kaj reprenis la vojon ĝis Cangas de Onís. Tie ni admiris la belan kaj bone konservatan roman ponton, kie la fotoamantoj pafis tre plezure kaj la naturamantoj admiris belegajn ĉirkaŭaĵojn. Tuj ni estis denove sur la vojo, kaj tagmeze ni alvenis al la fama sanktejo Covadonga. La pejzaĝo tie estas io tiel eksterordinare bela, ke ne ekzistas vortoj por esprimi tian belegaĵon. La naturo montriĝas riĉa en supera grado, kaj la homo sentiĝas pigmeo antaŭ tia grandiozeco. En krutaĵo aperas groto kun statueto de la Dipatrino kaj sub ĝi el la roko ŝprucas fontano kiu kaskadas tridek metrojn malsupren. Proksime de tie konstruiĝis la Baziliko kaj Seminario. Post la tagmanĝo la kongresanoj estis akceptataj de la Ĉefepiskopo en la Seminario, kaj junaj kantistoj kantis por ni. Ĉie la esperantistoj estis regalataj en tiu ĉi admirinda lando. Baldaŭ ni denove estis en la aŭtobusoj revene al Gijón, kun bedaŭro forlasi tiun ravan lokon. En la unuaj horoj de la nokto ni ree estis en Gijón. Forlasinte la aŭtobusojn, la kongresanoj adiaŭis sin ĝis la venonta kongreso. Kelkaj samideanoj ankoraŭ kunvenis post vespermanĝi, en la Kazino La Unión, sed tial ke tiu kunveno estis improvizita, tre malmultaj kongresanoj ĉeestis. Kaj tiel finiĝis ĉi tiu mirinda kongreso, kies rememoro restos poreterne en la animo de ĉiuj samideanoj, kiuj havis la plezuron partopreni.—*J. B.*

---

## La 40-a Universala Kongreso de Esperanto en Bologna

«Estu kore bonvenaj!» Jen la skribaĵo legebla kelkloke en la stacidomo de Bologna, kio estis bona antaŭvido pri la gastameco, kiun tiel malavare oferis la Bolonjaj gesamideanoj al la 1.700 Kongresanoj alvenintaj el ĉiuj kontinentoj. Ne estas eble en kelkaj frazoj priskribi ĉion, kion ni travivis en la nunjara ĉefurbo de Esperantujo; ampleksaj raportoj pri la Jubilea Kongreso povos esti legataj en la internacia Esperanto-gazetaro, do mi nur volas mallonge skizi miajn impresojn. Speciale emocia por mi, kiu unuafoje partoprenis Universalan Kongreson, estis la solena inaŭguro, kiu okazis en la belega Urba Teatro, kie, post la bonveniga parolado de la urbestro de Bologna en bonega Esperanto, parolis la urbestro de Boulogne-sur-Mer, speciale invitita kiel reprezentanto de la urbo kie okazis nia unua Kongreso en la jaro 1905.

Post la kutimaj salutoj de la ŝtataj reprezentantoj kaj de la reprezentantoj de la landaj Esperanto-Asocioj, faris belegan paroladon D-ro Edmond Privat kiel fermon de la malfermo. Aliaj interesaj eroj de la Kongresa programo estis jenaj: inaŭguro de la Zamenhof-strato, kiun persone partoprenis la urbestro de Bologna; la parolado de Prof. Ivo Lapenna pri «Esperanto antaŭ UNESKO»; la diversaj prelegoj de la Internacia Somera Universitato; la Teatra Vespero en la Urba Teatro, kie aro da novbakitaj geesperantistoj majstre interpretis «La Revizoro», de Gogol; la Ĝeneralaj Kunvenoj de U. E. A.; la Literatura Konkurso; la kunvenoj de la diversaj Fakaj Asocioj; la Kongresa Balo, kie sin montris belaj diversnaciaj kostumoj; la Arta Vespero; la omaĝo de la katolikaj esperantistoj al Lia Kardinala Moŝto Lercaro, kiu en bela parolado montris sian simpation por Esperanto; la Jubilea Rapsodio, k. t. p. La 6-an de Aŭgusto, post unusemajna neforgesebla restado en la ĉarma Bologna, okazis la fermo de la Kongreso.

Post la invito de la danaj esperantistoj por kongresi venontjare en Oslo, oni kantis komune «La Espero»-n kaj tiel finiĝis la Jubilea Kongreso kiu ĉiam restos en mia koro kiel unu el la plej belaj travivaĵoj el mia vivo.—*J. Juan Forné.*

# VERKOJ EL NIA LITERATURA KONKURSO

## MEDALO

### (Premio de Originala Poezio)

I

FELIĈO

Antaŭ ni nokto serena,
ĉe la koroj idili'.
La pokalo amo plena,
belulino, trinku ni!

Eden' estas la ĝardeno,
rozoj floras tie ĉi.
Flor de l' tago la reveno,
ĉarmulino, trinku ni!

Kantas nun la najtingalo,
nin kortuŝas melodi'.
Reamplena la pokalo,
amikino, trinku ni!

Ĝuu ni ĝis nia fino!
Kisu min via graci'!
Brakoj, lipoj, blanka sino,
amatino, trinku ni!

II

AFLIKTO

Alta febro, pulm' malsana;
Doktor' penas je medit'.
Patrinlarmoj, ĉio vana!
L' infan' mortas sur la lit'.

Nigra nokto, pluvas, ventas.
Etulĝemoj, frunta ŝvit'
la gepatrojn ja turmentas.
L' infan' mortas sur la lit'.

Kruelpuno, sort' amara!
Ne plu vivus la spirit'
se ne vivus filĉo kara.
L' infan' mortas sur la lit'.

Patrin' preĝas: Mia Dio,
se ne iĝis Vi granit',
savu lin el l' agonio!
L' infan' mortas sur la lit'.

*Francesc Vilá.*

## IDEALO!...

### (Subpremio de Originala Poezio)

De l' bono kaj belo ni estas elito,
Tre streĉe ni luktu en paca batalo.
Se morto nin venkos, ne gravas —fatalo!
Postvivos la penso— homam' infinito!...

Ni sulkos fervore, sen tim' aŭ hezito,
La vojon celitan de l' Majstr' —idealo!
Sub signo de pura, plej alta moralo,
En mondo ne reĝos malamo, milito.

Sanktul, aŭ profeto, Zamenhof obstine
Difinis la kernon de amo, kaj skizis
Tutmondan komprenon. La rasoj finfine

Sin premos korfrate. Esper' elektrizis
La fidan homaron. Belege, doktrine,
Al ĉiuj la devon li majstre koncizis.

*Adolfo Augusto Nunes.*



Francisco Javier Nagore Senosiain

**Kun granda bedaŭro ni devas informi niajn legantojn pri la morto pro akcidento, de nia tre kara samideano, je la frua aĝo de 20 jaroj, la 15-an de pasinta Julio. Malgraŭ tio, ke nia juna samideano estis tre okupata pri siaj karierstudoj, li ankoraŭ havis sufiĉan tempon por dediĉi sian entuziasmon al la laboroj de la Grupo Esperantista de Bilbao. Krome li estis la iniciatinto de la esperantaj elsendoj de Radio Bilbao. Li ja estis aktiva esperantisto. Al liaj gepatroj kaj al liaj kamaradoj de la Grupo ni sendas nian sinceran kondolencon. Lia animo renkontu eternan ripozon!**

# D I V E R S A Ĵ O J

*Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendinta solvon de enigmo, gajnos unu poenton. Gajnintoj de 10 poentoj ricevos libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 1-a de Oktobro.*

Sendis korektan solvon de la enigmo n.° 19 jenaj samideanoj: Oscar Corrons, Jaime Silva, E. Miralles, A. Madriles, A. Candela, M. Fernández Méndez, J. M. Fontcuberta, J. A. Daniel, A. Núñez Dubús, A. Escamilla, P. Naranjo, S. Roca Rodó, V. Monsalve kaj V. H. Llusera, kaj de la enigmo n.° 20, O. Corrons, J. Silva, E. Miralles, A. Madriles, M. Fernández Méndez, J. M. Fontcuberta J. A. Daniel kaj S. Roca Rodó.

Atingis 10 poentojn S-anoj J. A. Daniel, S. Roca Rodó kaj E. Miralles. Ni sendas al ili la libropremiojn.

SOLVO DE LA ENIGMO N.° 19

*Horizontale:* 1 Sola, ivaS. 2 Mekanikisto. 3 In, Cifer, Ek. 4 Eta, Mal, Tru. 5 Nito, Ĉiel. 6 Miligramo. 7 Bene, Post. 8 Ing, Alk, Ski. 9 Et, Ameno, Ol. 10 Radioterapi. 11 Laks, Dogo.

*Vertikale:* 1 Mien, Bier. 2 Sentimental. 3 Ok, Ating. Da. 4 Lac, Ole, aiK. 5 Anim, Amos. 6 ifargeleT. 7 ikeL, Kned. 8 Vir, Ĉap, Oro. 9 As, Timos, Ag. 10 Stereoskopo. 11 okuL, Tili.

SOLVO DE LA ENIGMO N.° 20

Interplektu viajn brakojn antaŭ la bruston, samkiel infaneto ĉe la unuagrada lernejo. En tiu sinteno klopodu preni ekstremon de la poŝtuko per unu mano kaj tiam la alian ekstremon per la alia mano. Malinterplektu la brakojn kaj la nodo restos farita.

ENIGMO N.° 23

Forgesita telefonnombro, de V. Monsalve.

Madrida samideano forgesis telefonnombron, sed li ja memoris ke, se oni ŝanĝas la unuan ciferon (2) de la komenco al la fino aŭ sesa loko, tiam la nombro fariĝos trioblo de la originala. Kiu estas tiu?

ENIGMO N.° 24

Krucvorta enigmo, de J. Devís.

Sama figuro de antaŭaj numeroj.

*Horizontale:* 1 Abstraktaĵo konsiderata kiel reala ekzistaĵo. Planto kun bluaj k blankaj floroj. 2 Facile komprenanta k vigle pensanta. 3 Sufikso. (Rad) Ega malbonstato. Rifuza interj. 4 (Rad) Konfuzaj sonoj. (Rad) Unu post alia. (Rad) Nia planedo. 5 (Inv) Tersurfaco. Kartluda figuro. 6 Postkuri. 7 Konforma al la reguloj de la beleco. (Rad) Fari figuron el moligita maso. 8 Prep. montranta helpilon. (Rad) Festoĉambrego. (Rad) Narkota substanco. 9 (Inv) Interjekcio. (Inv) Ekzistanta en tiu tempo. Ĥemia simbolo de la molibdeno. 10 Tro subtilaj rezonmanieroj. 11 (Rad) Memlumanta ĉiela astro. (Inv) Kinkono.

*Vertikale:* 1 (Inv) Plenumi ies ordonon. Prep. montranta proksimecon. 2 Komencis la plenumadon de grava tasko. 3 Ĥemia simbolo de la nitono. (Rad) Kanalo por la urino. Participa partikulo. 4 (Rad) Tio, pri kio oni verkas. Amaso. (Rad) Vojo en ĝardeno. 5 (Rad) Frukto kiu liveras oleon. (Rad) Substanco uzata por rigidigi la tolaĵon. 6 (Inv) Brulkuraci. 7 (Rad) Plej alta grado. Meblo. 8 (Rad) Unu el la kvar koloroj de ludkarto. Prep. montranta la tempon en kies daŭro io okazas. (Rad) Granda kuvo. 9 Sufikso esprimanta sekson. Neforigebla desegnaĵo farita per enpikado sub la haŭto. (Rad) Demanda pronomo. 10 (Inv) Gratulaj flataj vortoj adresataj al iu. 11 Spirebla gaso kiu ĉirkaŭas la teron. Mitaj supernaturaj estaĵoj.

## LERNU TRADUKANTE

*Inter la sendintoj de korektaj tradukoj ni distribuos premiojn, laŭ samaj kondiĉoj kiel por la enigmoj.*

Ni ricevis tradukojn de la tasko de Junio, el jenaj samideanoj: J. M. Bernabeu, V. Hernández Llusera, L. Santamarina, A. Núñez, F. Lledó, E. Pons, E. E. Yelland, J. Anguita, V. Monsalve, S. Roca Rodó, M. Fernández Méndez, O. Corrons kaj J. A. Daniel. Atingis 10 poentojn samideanoj J. Anguita kaj A. Candela. Ni sendas al ili la libropremiojn.

*Ni aperigas unu el la plej korektaj tradukoj, por ke oni komparu kun la sia:*

Jen, meze de la ŝtuparo, tiu sama muziko, kiun ni estis elvokantaj, eliras renkonte al ni: tra la pordoj-fenestroj de salono, kiuj estas tute malfermitaj, venas la sonoj de sonato: la sorĉita palaco melodie bonvenigas. Kiun imagon vi elvokas por mastrino kaj sinjorino de la salono, ĉe la sono de tiu muziko? Sendube, virineto en la printempo de la vivo, eble grize aŭ blanke vestita, certe kun aristokrataj manoj, kiuj estas kvazaŭ birdoj el sukceno kaj rozo sur la blanka kaj nigra eburo de la klavoj, kun okuloj, kiuj laŭtakte de la sonato eklumigadas revon, kun lipoj kiuj ridetas al la revo, kiun la okuloj revadas, kaj poste duone malfermiĝas por avide trinki la malvarmetan aeron, kiu eniras el la ĝardeno. Jes, ĉivespere, en tiu ĉi vespero, en tiu ĉi horo, kun tiu ĉi lumo, en tiu ĉi printempo, ŝajnas ke nur juna virino kaj iomete poeta povas esti ludanta ĉi tiun sonaton interne de ĉi tiu mirinda palaco.

*Por nova tasko ni daŭrigas kun la romano «En busca del Gran Kan»:*

**Mostraron los enviados la canela, la pimienta y otras especias que el Almirante les había dado, y todos los indios dijeron por señas que había mucho de esto en el país, pero no allí mismo, sino al Sudeste. La eterna afirmación cuando les enseñaban oro, perlas o especias. De todo había, pero siempre más lejos. Convencidos de que no verían nada más, emprendieron el viaje de regreso a la costa, y muchas gentes de aquel pueblo, más de quinientos hombres y mujeres, quisieron acompañarles, seguros de que así irían al cielo rectamente. Uno de los caciques hizo retroceder a este gentío, y él, un hijo suyo y un amigo fueron los únicos que acompañaron a los blancos en su vuelta al mar.**

## POR KOMENCANTOJ

Kelkaj samideanoj sin turnis al ni kun la plendo, ke niaj ekzercoj estas tro malfacilaj, kaj sugestis ke ni faru ilin pli facilaj. Anstataŭ fari tion, ni malfermas ĉi tiun sekcion, sed sen rajto al premioj.

*Bonvolu traduki al Esperanto jenajn frazojn:*

**Miguel compró el periódico para su padre y después se fué a la escuela. El camino era largo y lleno de peligros, ya que gran número de vehículos corrían por la ciudad a gran velocidad. Esto no era peligroso para las personas mayores, pero él era muy pequeño todavía. El maestro lo quería porque era muy estudioso y siempre era el primero de la clase. En su clase había otros, muy pocos, alumnos que también eran listos y estudiosos; pero la mayoría eran malos y hacían daño a las personas mayores, a sus camaradas y a los animales. Esto no significaba que eran verdaderamente malos, sino intranquilos, y los males que hacían no eran por verdadera maldad, sino por ignorancia y falta de cultura.**

---

## ŜAJNIGO

Eleganta sinjoro ĉeestis vespermanĝon ĉe sinjorino de la alta societo, kiu havis du sesmonatajn ĝemelojn. La sinjoro estis trinkinta kelkajn ĉampanajn pokalojn, sed li tre atentis ne montri tion. Post la vespermanĝo, la vartistino portis la ĝemelojn por ke la invititoj vidu ilin. La eleganta sinjoro, tenante sian plej dignan aspekton, observis ilin tre atente kaj diris:

—Kia bela infano!

La Administracio de BOLETIN povas sendi ekzemplerojn de ĉi tiu eksterordinara numero, al vi aŭ al viaj korespondantoj, je la prezo de 5 pesetoj, afrankite.

Faru tian donacon al viaj amikoj!




BOLETIN
de la
FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA
BULTENO
DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Adreso de la Redakcio kaj Federacio
Str. Pelayo, 7, 1.ª - VALENCIA

Telefonoj: 19532 kaj 53579
Oficej - horoj
9 ĝis 13'30 kaj 15 ĝis 20
Sabate: nur 9 ĝis 13
Kunvenejoj
Marde: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)
De 22'30 ĝis 24
Sabate: Montepio de la Dependencia Mercantil
Str. San Vicente, 67, 1.ª
De 15'30 ĝis 18
Kotizoj de la Federacio
Simpla membro: 15 pesetojn jare
Membro-abonanto: 50 pesetojn jare
Membro-subtenanto: 80 pesetojn jare
La membroj de la du lastaj kategorioj ricevas la Bultenon. La subtenantoj ricevas du ekzemplerojn.
Eksterlanda abono al la Bulteno: 50 pesetojn jare
Monsendojn adresu al:
S-ro Ernesto Hurtado
Str. Pelayo, 7, 1.ª - VALENCIA


## DONACOJ AL NIA BULTENO

**Antaŭa sumo 1032 pesetoj.**

J. Perogordo, 100. — M. Casasnovas, 10. — P. Naranjo, 5. — J. Guío, 10. — A. García, 15. — H. Nilson, 100. — J. Lencer, 500. — J. Gironés, 10.

**Entute 1782 pesetoj.**

---



Supre. Maldekstre: La prezida estrado dum la Malfermo. Dekstre: En la Urbodomo de Oviedo: Pastro Casanovas, D-ro Herrero, Universitataj Rektoro kaj Vicrektoro, Kolonelo Carrasco, Urbestro de Oviedo kaj Provincestro de Asturio. Malsupre. En la Urbodomo de Gijón. Maldekstre: La Urbestro salutas Profesoron M. Fernández Menéndez, el Urugvajo. Dekstre: S-ro Fernando Fernández paroladas responde al la Urbestro. Maldekstre de li, la Vicprezidanto de H. E. F. D-ro Solá kaj dekstre, Pastro Casanovas kaj Prof. M. Fernández Menéndez.



Supre. Maldekstre: Pastro Casanovas dum sia prediko. Dekstre: La Urbestro de Gijón paroladas en la Malfermo.
Malsupre: La kongresanaro en la Malfermo.

PERIS - GRAN VIA M. TURIA, 28 - VALENCIA